5 Juillet 1908. 5a Julio 1908. 89a NUMERO. 5n Juli 1908.

6a JARO. 22a numero.




OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.

Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**

Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**

Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers.

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,

53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

**JARKOLEKTO : 6 FR.**

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Ligue Espérantiste Belge.** | **Belgische Esperantische Bond.**

## COMITÉ D'HONNEUR. EEREKOMITEIT.

MM. F. COCQ, Echevin de l'Instruction Publique, à Ixelles.
DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.
le Dr GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.
le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.
le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles.

MM. A. LECOINTE, Ingénieur en chef honoraire de la Marine Belge, Bruxelles.
le Général LEMAN directeur des études, command. l'Ecole Militaire, Bruxelles.
J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.
MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.
O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.
ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

## COMITÉ EXÉCUTIF. UITVOEREND KOMITEIT.

**Siége : BRUXELLES, RUE DE TEN BOSCH, 53.**

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Vice-présidents* (Ondervoorzitters) : MM. VAN DER BIEST-ANDELHOF et LUC. BLANJEAN.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. JOS. JAMIN.
*Trésorier* (Schatbewaarder) : M. J. COOX, Bruxelles.

### MEMBRES (LEDEN)

élus par l'assemblée générale (gekozen door de algemeene vergadering).

Melle E. LECOINTE, MMrs LUC. BLANJEAN, JOS. JAMIN, CH. LEMAIRE, M. SEYNAVE, RAYM. VAN MELCKEBEKE.

### DÉLÉGUÉS DES GROUPES (GROEPEN-AFGEVEERDIGDEN).

**Anvers** (*Antverpena Grupo Esperantista*). MM. A. VAN DER BIEST, VERMEULEN.
(*La Verda Stelo*). MM. J.-B. ISTACE, FR. SCHOOFS.
**Boom** (*Boma Grupo Esperantista*). Mr J. CLERBAUT.
**Bruges** (*Bruĝa Grupo Esperantista*). MM. VAN WEYENBERGH, A.-J. WITTERYCK.
**Bruxelles** (*Pioniro*). Melle A. GUILLIAUME, Mr O. CHALON.
**Charleroi** (*Karloreĝa Grupo Esperantista*). MM. L. DELVAUX, D. HEYNE.
**Huy** (*Grupo Esperantista*). Mr A. THIRY.
**Ixelles** (*Bonveno*) Melle C. SIMON.
**Laeken** (*La Semanto*). Mr H. CALAIS.
**Spa** (*Esperanto*). Mlle TOMBEUR.
**Verviers** (*Esperanta Societo*). MM. ED. MATHIEU, H. PALMER.

*Membres de la Ligue.*

| | |
|---|---|
| (Cotisation annuelle) | fr. 1.00 |
| Membres à vie | fr. 25.00 |
| Membres protecteurs (cotisation annuelle) | fr. 10.00 |
| Membres protecteurs à vie | fr. 200.00 |
| Membres bienfaiteurs (cotisation annuelle) | fr. 25.00 |
| Membres bienfaiteurs à vie | fr. 500.00 |

N. B. — Les membres protecteurs et bienfaiteurs reçoivent gratuitement l'organe officiel de la Ligue.

*Bondsleden.*

| | |
|---|---|
| (Jaarlijksche bijdrage) | fr. 1.00 |
| Leden voor het leven | fr. 25.00 |
| Beschermende leden (jaarlijksche bijdrage) | fr. 10.00 |
| Beschermende leden voor het leven | fr. 200.00 |
| Leden weldoeners (jaarlijksche bijdrage) | fr. 25.00 |
| Leden weldoeners voor het leven | fr. 500.00 |

N. B. — De beschermende leden en de leden weldoeners ontvangen kosteloos het officiëel orgaan van den Bond.

5 Juillet 1908. 5a Julio 1908. 89a NUMERO. 5n Juli 1908.
6a JARO, 22a numero.




Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.

Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.

Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.

## EVOLUCIO LIBERA AŬ AKADEMIO.

(DAŬRIGO).

La teorio ofte traktata en « Lingvo Internacia » pretendas, ke la evolucio devas esti tute libera. Daŭrigi la vortaron universalan per la Zamenhofa sistemo enkondukus anarkion! « Nenia esprimo povas esti rekomendata de L. K. se uzado ne montris antaŭe ĝian utilecon kaj praktikan valoron». Lingva Komitato, estus tute senutila, se ĝi povas enskribi nur vortojn jam akceptitajn de la tuta mondo. Bona aŭ malbona la vorto ne estus jam rifuzebla, ĉar por ni ĝi estus iĝinta internacia.

Dro Zamenhof diris en la fundamento, ke *en praktiko fari perfektigadon, post matura prijuĝado, povas ne apartaj personoj, sed nur ia centra institucio, kiu havas nediskuteblan aŭtoritaton por la tuta esperantistaro.* Li estas tute prava. Ĉu estas eble, ke la popolo *prijuĝadu mature?* Ke ĝi havu nediskuteblan aŭtoritaton pri lingvo-scienco? «Lingvo internacia», memorigante lecionon de Sro Meillet, profesoro de gramatiko komparata ĉe la *Collège de France*, diris (p. 459, jaro 1906) : « Lingvo konsistas el malsimpla « sistemo, en kiu ĉiuj partoj estas kunigitaj kaj en « kiu individua novaĵo malfacile povas esti akcept- « ata, se, naskita de pura kaprico, ĝi ne ĝuste akord- « iĝas kun la ĝeneralaj reguloj de la lingvo ». Bone. Sed kial do tian malfacilan taskon doni al popola kaprico? Evolucio libera kun fundamento netuŝebla! Ĉu la popolo estos libera, se ĝi devos atenti pri la netuŝebleco? Elekti por *malsimpla sistemo* tute taŭgantajn esprimojn, ĉiam observante regulojn fundamentajn, jen grava regulo, kiu konvenas nur al lingvistoj. Laŭ « Lingvo internacia » la popolano havus rajton, kiun ne havas l'akademiano?

Tion komprenante, « Lingvo internacia » proponas, ke la popolo faros nur la komunan lingvon kaj konsentas, ke la popolo ne povas fari la teknikan vortaron. « Kompreneble ni parolas nur pri « la komuna kaj literatura lingvo; teknikara vortaro « havos siajn proprajn regulojn, ĉiam ĝi estas, en « alta grado, artefarita, interkonsentita kaj reviz- « ebla ». Du lingvoj naskiĝos : unu por scienculoj, alia por la popolo. Jam scienculoj havos sufiksojn *is*, *oz*, k. t. p. kun la permeso de « Lingvo internacia »; ili povas diri *elektrizi*, sed la popolo ne havas la rajton esprimi tiun ideon. Scienculo diros rajte : *tablo marmora* kaj *lando marmoroza*, sed ni devos diri : *lando marmora*, kvazaŭ la tero estus nur marmoraĵo. Ne, tio ne povas esti; devas ekzisti nur unu lingvo plenigota de akademio rajtigita, tio estas interkonsentita de la esperantista riprezentantaro. La akademio enhavos sekciojn specialajn laŭ la specialeco de la membroj, sed la laboro estos sisteme kaj logike farata. Neniu protestos kontraŭ formo aŭ vorto elektita, ĉar ni scios tre bone, ke aparta persono ne tiel bone elektus; ni scios, ke de diversaj flankoj oni ne eldonos plurajn vortojn por unu senco. Pro neekzisto de akademio oni jam akceptis vortojn malprave elektitajn de naciaj aŭtoroj.

Ĝis nun la popolo ne uzis liberecon de evolucio. Neniu vorto estas de ĝi naskita. Oni uzas la vorton bonan aŭ malbonan, troveblan en vortaro aŭ libro. Kiel la vortaristo elektis vorton? laŭ sia persona scienco. Se li ne kuraĝis fabriki novan radikon, li naskis kunmetitan vorton, kiun komprenos nur la

aĉetantoj de lia vortaro (1). Oni diros, ke tiuj vortoj estos uzataj nur prove kaj atendante pli bone evoluciintajn: Jen certe kio estas konfuza kaj kio prokrastos nian lingvan unuecon. Tian gravan malhelpon por la logika malvolviĝado de nia fundamento montris klare alia redaktoro de « Lingvo Internacia » (p. 508, jaro 1907), Sro Dufeutrel, kiu skribis: « Uzado de nova vorto, oni diras, ne « trudas ĝian akcepton. Sed, tro ofte, bedaŭrinde, « eĉ kiam ia nova vorto estas absolute nenecesa, « aŭ abomene malbona, la saĝa firmeco de la « esperantistaro estas, kontraŭ ĝi, ne sufiĉa, eĉ « neniel taŭga barilo. Por kelkaj esperantistoj, kiuj « alprenos ĝin nur post singardema kritiko, kiel « multege da aliaj akceptos senrigarde vorton « uzatan en rekomendata verko, kaj tio des pli « facile, ju pli la aŭtoro estos fama. Se iam la « radikoj de Zamenhof ne permesas esprimi ian « apartan signifon, ian nuancon, kiu igas novan « vorton nepre necesa, oni elektu ĝin zorgeme kaj « ĉiam per noto oni montru ĝian devenon kaj la « ĝustan sencon, la precizan nuancon, kiun per ĝi « oni volas esprimi. »

Oni elĉerpas laboreme el aŭtoroj novajn vortojn kaj tuj oni enkondukas ilin en ian vortaron, el kiu malfacile ili eliros. Jen tio, kion « Lingvo Internacia » nomas *evolucio natura?* Nur akademio povas scii tion, kio taŭgas por ĉiuj diversnacianoj. Ĉiu nova radiko povus esti proponata de ĉiuaparta persono, sed nur post konsento je la nomo de la anaro, ĝi enirus en la universalan vortaron. En nia lingvo, nia leĝo estos ĉiam internacia kontrakto. Oni povos nur kontrakte, ne nature, altrudi novajn vortojn aŭ formojn. En Esperanto, la vorta evolucio estas erarigo. Evolucio supozas ŝanĝadon kaj movadon. Sed oni decidis en Esperanto, ke neniam oni faros eĉ la plej malgrandan ŝanĝon, ke anstataŭ moviĝadi, Esperanto staros firme sur nemovebla fundamento. Kiam mi petis klarigojn de evoluciemaj profesoroj, kiam mi deziris havi ĉu ekzemplon en estinto, ĉu hipotezon en estonto, mi ne povis ricevi respondon. Unu tamen citis *usono* kaj *aĉo* kiel popola kreaĵo (2). kaj alia diris, ke la lingvo evolucios per neologismoj.

En lingvo natura, neologismo povas ekzisti en la vortaro, en la gramatiko, en la sintakso. En Esperanto kia estus neologismo permesata? Neologismo konsistus nur en radiko nova, uzota paralele kun la malnova, sed havanta devige la saman finiĝon kaj la saman sencon. Kiu elektos tiun neologismeron? Evolucianoj respondas: nur apartaj personoj, neniam komitato, neniam lingva aŭtoritato! Ĉu tio ĉi estas prudenta? Ĉu la neologismo estos bone elektata? Apartaj personoj povus elekti ne nur unu paralelan radikon, sed dekduojn po unu arkaismo, ĉar *la evolucio estas libera.* La neologismaro (po unu malnova radiko) rondirados tra la tuta mondo, ĝis kiam plaĉos al Lingva Komitato *konstati*, ke unu vorto pli ol aliaj estas ŝatata de la internacieco. Ĉu ne estus pli saĝe, pli simple, ke aŭtoritato haltigu tian naskemon, tian konfuzaĵon, elektante tuj la necesajn neologismojn, supozite ke neologismo estus necesa. La fundamentaj vortoj ŝajnas al mi pli bonaj ol la estontaj paralelaj, de aparta fantazio elektotaj.

Sro Boirac diras tre prave, ke Esperanto estas ŝanĝebla nur per komuna interkonsento, sed ke la Esperantistoj ne devas agi simile al kamparano, kiu por ne malsekigi siajn piedojn, travidante la riveron, sidiĝas ĉe la bordo kaj atendas ĝis kiam ĝi finos fluadi. Ni ne haltigu la riveron, nek atendu la sekigon, sed konstruu metode ponton, kiu ebligos la komunikiĝon de unu al la alia bordo inter la diversnacianoj. Ni publikigu kie estas la ponto kaj la novaj vojoj, por ke neniu vojaĝanto, sub nia standardo, ŝanceliĝu tra la baroj aŭ la marĉoj. Ni agu kiel oni agas por ĉiuj internaciaj rilatoj sur la maro kaj la tero. Neniam ni uzu signalon antaŭ ol averti la samkontraktintojn pri ĝia signifo.

De longatempe la grupoj sentis la necesecon havi radikaron internacian, kiel ekzistas diversaj kodoj pri internaciaj telegramoj aŭ kiel ekzistas interkonsentita mara signalaro por ĉiuj ŝipoj. Jam tre utile pri tio laboris Sro Cart, eldoninte radikaron de la radikoj troveblaj en 5 naciaj vortaroj. Bedaŭrinde tiuj naciaj vortaroj enhavas multe da radikoj ne sufiĉe internaciaj aŭ diferencaj por unu ideo. Se tiuj radikoj estus elektitaj de akademio internacia ne en vortaroj naciaj, sed en la tuta internacieco, ĉu ili estus pli malbonaj? Ĉu radikaro pli plena ne povus baldaŭ esti eldonata de kompetenta komitato, ne atendante la liberan sed fantazian evolucion?

Nur akademio povas plenumi saĝe kaj logike la lingvan pliriĉiĝadon; nur akademio povas nin unuigi en laboro sub unu direktado; nur akademio povas riprezenti lingvan societon antaŭ la registaroj aŭ antaŭ gravaj sciencaj kaj lingvaj societoj kiel la Delegacio. La Lingva Komitato riprezentis nin; sed tuj de ĉiuj flankoj oni kriis: « la Lingva « Komitato ne estas kompetenta ĝi nur estas kon- « trolilo, ne aŭtoritato; ĝi ne havas la rajton eĉ « ekzameni ŝanĝeton ». Tamen Dro Zamenhof, kiu fordonis ĉiujn rajtojn de aŭtoro al la mondo esperantista, kaj volis de la kongreso de Boulogne iĝi nur aparta persono, kiel li multafoje rediris, deziris post la rifuzo de sia projekto pri Ligo, ke ia komitato estu aŭtoritato plenrajta pri ĉiuj lingvaj demandoj, eĉ por diskutadi reformojn. En Revuo de majo 1907 (Lingvo Internacia, 224), li petas la amantojn de reformoj, ke ili prezentu siajn proponojn al la Lingva Komitato, kiu ilin esploros, kaj *kies decidojn bonorde ekzamenitajn kaj leĝe voĉdonitajn, li ĉiam akceptos sen protesto.* Tre ofte Dro Zamenhof rediris al siaj korespondantoj, ke li estis deleginta ĉian aŭtoritatecon al la Lingva Komitato.

Bedaŭrinde nia Lingva Komitato ne povis havi aŭtoritatecon. Antaŭ ĝia naskiĝo, la prezidanto de la S. f. p. E. protestis kontraŭ ĉiu organizado, kiu

(1) Ekzemple. mi laboras en la fako jurista kaj mi proponus trakuki la francan vorton *viol* (krimo kontraŭmora) per *stupro* (latina kaj itala). Se oni sekvus la teorion de « Lingvo Internacia », mia vorto «*interkodsentita, artefarita kaj revizebla*» estus nur uzebla de la scienculoj; la popolo uzus en Francujo la vorton de Sro Cart *seksperforto*, en Hispanujo la vorton de Srj Inglada kaj Villanueva *malvirgigo*, en Anglujo *malrespektigo*, k. t. p.

Ĉu oni povas diri, kie komenciĝas kaj kie finiĝas la scienca lingvo? Ĉu estas eble ne intermiksi ĉiujn radikojn en unu radikaro, kiel faris Dro Zamenhof en Universala Vortaro?

En ĉiu scienca fako estas sencoj tiom sciencaj kiom popolaj; ekzemple en anatomia vortaro mi trovas *suro* por traduki *tibiviando*, Ĉu la popolo ne havas la rajton koni la vorton sciencan anstataŭ la strangan viandaĵon de niaj plej famaj aŭtoroj?

(2) Ne popolano. sed eminentaj profesoroj tion proponis kaj diskutis en ĉiuj ĵurnaloj.



ne estus antaŭe proponita kaj voĉdonita de delegitoj, regule elektitaj de la grupoj aŭ societoj. Post ĝia naskiĝo, la prezidanto de la grupo de Paris publikigis en « *Esperanto* » faman artikolon, montrante, ke al ni mankas organizado vera. « La « kongreso ne kuraĝis... ĝi kreis du komitatojn mal- « precizajn, nedifinitajn, sencelajn, senprogramajn ». Kion povus fari komitato tiel kritikita de niaj plej gravaj estroj? Plie la komitato estas tro grandenombra, tro disigita por labori. Kelkaj volis akcepti brave la komision de Dro Zamenhof, kaj direktadi la lingvan aferon; sed aliaj dubis pri sia povo, timigitaj per la diversaj artikoloj, kiel tiuj de « Lingvo Internacia », kiu senĉese rediras, ke la Lingvo Komitato havas nur unu rajton: la rajton *konstati* la novajn vortojn ja enkondukitajn evolucie!

Tiel neorganizita, la Lingva Komitato neniam konis la limojn de sia kompetenteco kaj ne povis agi efike, eĉ ne voĉdoni precize en la Delegacia afero. Por ke ĝia rifuzo estu grava, estus necese ke ĝi kredu al sia propra aŭtoritato kaj ke la voĉdono estu okazinta post serioza diskutado kun la tuta dokumentaro pora kaj kontraŭa. Sed, bedaŭrinde, en sia lasta cirkulero la prezidanto devis konstati, ke « tiu unua konsulto ne estis sufiĉe preciza ». Sro Boirac aldonis: « la demando estas tro grava por ke mi povu konsili tujan kaj definitivan decidon ». Tamen, post kelkaj tagoj oni rompis la intertraktadon, ne atendante duan konsulton kaj definitivan decidon. Do neniu konfidas al la kompetenteco de la Lingva Komitato kaj la komitatanoj mem ne konfidas al si mem. Dro Zamenhof en sia cirkulera letero memorigas, ke ni havas la plej grandan liberecon, por nin organizi definitive: « Kiu do malpermesas, « ke la *esperantistoj mem* lingvan komitaton reor- « ganizu? ». La esperantistaro povus decidi, ke de nun la Lingva Komitato iĝu akademio plenrajta pri lingvaj demandoj, sed la plimulto de la samideanoj ŝajnas preferi, ke oni elektu akademion per delegitaro regule balotita. Tio estus pli leĝa, se oni volas havi veran akademion plenrajtan, tio estas *aŭtorita nedisputebla.*

Resume, Esperanto estas ŝtona konstruaĵo sur firma fundamento. Ĝi apartenas al unu internacia societo. Neniu societano havas specialajn rajtojn. Neniu povas eltiri unu ŝtonon, aldoni unu meblon sen interkonsento de ĉiuj. Sed la societo havas rajton delegi la administracion al konsilantaro nomita akademio. Ĉiu aparta societano povas proponi ŝanĝojn, eĉ la tutan difekton de la konstruaĵo kaj ĝian anstataŭigon. Kompreneble, se tiuj proponoj ne estos saĝaj kaj konformaj al la volo de l'Akademianoj, la domo neniam ŝanĝiĝos. Ni lasu al ĉiu lian iniciativon, lian liberecon pri ĉiaj proponoj. Sen tio, liberemuloj lasus nian kampon kaj iĝus ne plu proponantoj, sed reformantoj, batalante kontraŭ ni en la paralela kampo.

Ĉu L. K. kies kapableco ĉiam estis diskutata povus preni sur sin organizi akademion pli kapablan?

Kiaj estus la limoj de la kompetenteco de tiu akademio?

Ĉu ĝi havus, ekzemple, la kapablecon krei unu vorton, malpermesi alian?

Ĉu ĝi havus la rajton plenigadi oficiale la universalan vortaron?

Ĉu ĝi ĉesigus la protestojn de la gravaj estroj, kiuj ĝis nun sukcesis limigi la rolon de L. K. en kontrola afero, se akademio grandigus tiun rolon?

En Boulogne, ni starigis komitaton provizoran, sen iaj statutoj. De tiu tempo, statutojn ni ne povis fari pro nia devena malforteco kaj pro nia necerteco pri kompetenteco. Tiun netolereblan situacion, kiu perdigus nian unuecon, la plimulto de esperantistoj deziras ĉesigi.

Mi konkludas, ke la esperantistaro reorganizu la Lingvan Komitaton sub nomo « Internacia Akademio ». La Esperantistaro elektu delegatojn, kiuj estos ĝiaj riprezentantoj kaj kiuj fondos lingvan aŭtoritatecon, ne *konstatilon* kiel petas « Lingvo Internacia », sed direktilon. Nur unu Akademio por la popolo kaj la scienculoj, unu akademio, kiu plenigos nian universalan vortaron kaj decidos pri ĉiuj lingvaj demandoj.

Kiam ni havos balotitan riprezentantaron, tio estas *nedisputebla aŭtoritato*, ne ekzistos plu diskutoj ofendaj kaj publikaj inter niaj plej famaj estroj. Ni ne ŝanceliĝos plu tra iliaj kontraŭdiroj, nesciante kiun sekvi. Ni sekvos nur unu vojon de akademio lumigitan, ĉar ĝi estos la *vojo klara kaj rekta kaj tre difinita por atingi la celon en gloro.*

A. Michaux.

N.-B. — Komitanoj kaj precipe grupoj, kiuj samopinias kun mi, bonvolu sendi aproban vorton al: Sro Michaux, advokato, Boulogne-s/-mer.

---

## Pri la vortoj « inkvizicio », « ekskomuniki », « progreso » kaj « simpligi ».

Ŝajnas al mi, ke en la lasta tempo oni trouzis la vortojn « ekskomuniki » kaj « inkvizicio » komparante Esperanto al eklezio. S-roj de Guesnet kaj Michaux ekzemple deklaras ke ili estas « ekskomunikitaj », tamen ili konfesas ke ili libere « eksiĝis » el ia partio konservativa. Mi ne komprenas kiel povas ekzisti inkvizicio aŭ ekskomuniko kontraŭ personoj, kiuj estas tute liberaj eniri aŭ eliri difinitan partion laŭ sia plaĉo, ĉar tiuj vortoj enhavas kontraŭe la signifon de perforta ago kontraŭ la laŭvola eniĝo aŭ eksiĝo je difinita partio.

En Esperanto kiel en politiko la diversaj partioj havas difinitan programon; la programo de la Zamenhofa partio (montrita de Zamenhof mem) estas: *Antaŭ ĉio, unueco kaj disciplino.* Ili, kiuj akceptas tiun programon, ne estas sklavoj ĉar ili akceptas ĝin memvole kaj tre bone scias kial; ili, kiuj ne akceptas ĝin, ne estas ekskomunikitoj; ili eĉ povas resti en niaj vicoj se tio plaĉas al ili, sed ni ne volas havi ilin kiel estrojn kaj ni ne permesos ke ili enkonduku malpacon en niajn vicojn.

La Idoistoj pretendas ke oni devas akcepti ilian lingvon, ĉar ĝi estas tiel perfekta, tiel logika ke ĝi facile varbos la ne-Esperantistan publikon, kiu laŭ ili estas multe pli grava ol la Esperantista. Kial do ili tiel insistas por prediki nin anstataŭ prediki la publikon.

Sed por reveni al lingvaj demandoj, ŝajnas al mi ke la reformistoj ankaŭ trouzas la vortojn « progreso » kaj « simpligi ». Jam en « Korespondenz international » Sro de Wahl montras ke la arbitraj formoj *ilsa*, *olsa*, *ico*, *icu*, *to*, *tu*, k. t. p. estas ne progreso sed « regreso ». Aliflanke « simpligi » signifas « igi

simpla » aŭ « pli simpla ol antaŭe »; tamen mi provis traduki la titolon de nia revuo :

*Internacia Scienca Revuo, oficiala monata organo de la Internacia Scienca Asocio Esperantista.*

En « simpligitan » lingvon mi trovas :

*Internaciona Ciencala Revuo, oficiala monatala organo di la Internaciona Ciencala Asociuro Esperantista !*

Alia punkto : en B. S. p. 292 vi diras *almiliti* = *militi al*, kaj p. 293 *senharo* ne signifas *haro sen*, ĉar *sen* estas reale uzata kiel prefikso. Kial tiu diferenco ? Mi opinias ke *al* estas ankaŭ uzata kiel prefikso, kaj por mi *almiliti* tute ne signifas *militi al*. Estas kurioza fakto, ke Ido kiu estas Franco kaj havas nenian komprenon pri la farado de kunmetitaj vortoj ĉar ili ne ekzistas en franca lingvo, pretendas montri la plej taŭgajn regulojn por vortkunmetado al la Germanoj kaj Angloj, kiuj havas de sia infaneco profundan senton pri tio. Simila rimarko pri la « veraj » principoj de lingvo internacia, publikigitaj antaŭnelonge de sama aŭtoro : li tre bone scias ke, se oni elektas ĉiun radikvorton apartan tiamaniere ke oni « atingos la plej multajn homojn », oni ĉiam atingos la *samajn* homojn kaj la lingvo fariĝos tute latina ; oni do devas atingi la plej multajn homojn ne por ĉiu radiko aparta sed por la tuta radikaro, kaj tion faris Zamenhof. Ido sentas tion tiel forte ke por forigi ĉian dubon ĉe sia leganto li nomas siajn principojn « veraj » kaj li komence insistas pri la vorto « ĉevalo », dirante ke ĝi estas tro franca, por montri ke li tute ne intencas latinigi la lingvon, sed ĉar la latinigo fariĝas poste nepre videbla, li diras ke tio ne *povas* esti alie laŭ la « veraj » principoj mem. Jes, sed eble tiuj principoj ne estas tiel veraj.

Fine la plej malutila aŭ almenaŭ neutila propono de Ido estas la anstataŭigo de la finiĝoj *-oj* per *-i* kaj *-i* per *-ar*. Tie ĉi oni malaperigas la substantivan signon en la multnombro kaj de tio rezultas ke la adjektivo devas nepre esti nevariebla. Ĉiuj ili, kiuj legis la tradukon de Eneido faritan de Dro Vallienne, miras pri la fideleco kaj beleco de la Esperanta traduko de la latinaj versoj; nun se la adjektivo estas nevariebla tiaj tradukoj de nacilingvaj versaroj fariĝus tute neeblaj. Kaj kial oni proponas *i* anstataŭ *oj* ? Tial ĉar multaj Francoj apogas sur la lasta silabo anstataŭ la antaŭlasta. Tamen tio ne estas tiel grava : kiam Esperanto estos universale uzata, tiuj Francoj lernos ĝin de sia infaneco kaj tiel akiros bonan elparolon. Ni devas prizorgi la estontajn generaciojn, diras ofte la reformistoj, kaj ne tro rapidi ; bone, sed kial do ili rapidas enkonduki en nian lingvon amason da novaj radikoj sufiĉan por 2 aŭ 3 generacioj, anstataŭ atendi ĝis ili fariĝos necesaj (ekzemple *aŭdaci* anstataŭ *maltimi*, *responsi* anstataŭ *prirespondi*, k. t. p.). Ĉu Esperanto fariĝas tiel pli simpla ?

ANTIDO.

P. S. — Koncerne la de la tuta Esperantistaro rajtigitan delegitaron, kiam Sro Hodler unue skribis pri tio en Esperanto-Ĵurnalo, Prof. Ostwald mem skribis al Sro H. ke li konsideras tian projekton kiel neefektiigeblan. Se oni elektus tian reprezentantaron kiu farus la policon ? Kompreneble neniu, ĉar oni ne povas devigi homon pri lingvaj aferoj, do nur tiuj sukcesos kiuj havos sufiĉe da memvola disciplino por meti la ĝeneralan intereson antaŭ siaj propraj gustoj.

## KELKAJ RESPONDAJ VORTOJ.

La progresemaj esperantistoj nenion altrudas ; ili postulas ke oni ekzamenu kuraĝe, honeste kaj sincere la proponojn de la Komitato de la Delegacio ; ili estas konvinkataj — la kialon ili montris — ke Esperanto devas pliboniĝi ; ili deziras ke la Esperantistaro ekzamenu iliajn argumentojn, ke la esperantistaj ĵurnaloj faru ĉion, kion faris Belga Sonorilo, anstataŭ klini kapon kaj silentiĝi laŭ la sekretaj ordonoj de grupeto, kiu trouzis la konfidon de la amaso por trompi ĝin.

La progresemaj esperantistoj postulas simple ke oni nomu aŭtoritatajn reprezentantojn, kiuj ekzamenos la jenan demandon : ĉu la Esperantistaro fine akceptos, aŭ ne akceptos, interkonsenton kun la Delegacio ? Se ia « Delegitaro rajtigita de la tuta esperantistaro » ne estas realigebla ĉar ĝi ne havus sankcion por altrudi siajn decidojn, same okazas pri iaj alia esperantista organismo ; ekzemple la Lingva Komitato ; plene tion provis la fabrikantoj da « ekstre-rapidaj » vortaroj de la kara lingvo, kiuj ĝin akceptis kiel nulon.

La progresemaj esperantistoj opinias ke la senvaloraj rezultatoj, kiujn atingis la Lingva Komitato, elvenas precize de la fakto ke la L. K. ne estas deveno de la Esperantistaro sciigita kaj elektinta plene sciante la demandon.

Se la progresemaj Esperantistoj intencas malfermi la okulojn de siaj sambatalantoj, estas por sekve sin turni kune al la ne-esperanta mondo kaj tiel eviti bedaŭrindan skismon ; oni devas danki tiujn progresemajn esperantistojn ĉar ili ĉion faris por eviti tiun skismon, tiam kiam nenio malhelpis ilin sin turni tuje, per la vojo de la ĉefa ĉiutaga gazetaro, al la mondo ne-esperanta por iniciati al ĝi la lingvon de la Delegacio, la *Linguo internaciona.*

***

Pri uzo de *al*, *sen*, k. c. kiu alkondukas al « limkazoj » ni prezentis sufiĉan klarigon ; Antido certe scias ke ne nur la internacia lingvo montras limkazojn, kiujn oni ne povas malkonfuze klasigi en precize difinita rubriko ; ni ankaŭ donis pruvojn de tio, respondante al Christaller pri la esprimo : « la vetero kotoza ».

Li retrovos ekzemplon en traduko de la titolo :

*Internacia Scienca Revuo, oficiala monata organo de la Internacia Scienca Asocio Esperantista.*

En simpligita Esperanto, diras nia amiko, tiu titolo fariĝas :

*Internaciona Ciencala Revuo, oficiala monatala organo di la Internaciona Ciencala Asociuro Esperantista.*

Nu Antido demandas ĉu tie kuŝas simpligo ? Ŝajnas ke Antido opinias ke, tie ĉi, la simpligo postulas nepre la mallongigon de la vortoj ; vere ekzistas nur unu simpligo kiu estas : klara kaj preciza estu ! Multe plibone se, samtempe, oni povas mallongigi ; jam antaŭe kaj ofte ni diris ke en la helpanta lingvo, la analizaj formoj, tamen pli longaj, estos preskaŭ ĉiam pli taŭgaj ol la sintezaj formoj ; tion ni pruvis eksperimente.

Antido permesu al ni traduki, en la lingvo kiun li-mem al ni proponis, la titolon de la revuo :

*Internaciona Sciencala Revuo, oficiala monatala organo de la Internaciona Sciencala Asociuro Esperantista.*

Komparante Idon kaj Antidon, ni havas nur unu vorton malsaman : ciencala anstataŭ sciencala. Fine, jen la traduko de la sama titolo, en la lingvo de la Delegacio, *Linguo Internaciona :*

*Internaciona Cienca Revuo, oficial omna-monata organo di la Internaciona Ciencal Asocio Esperantista.*

Estus malfacila ne kompreni la precizan signifon de tiu titolo.

B. S.

---

## PRI LA SUFIKSOJ.

Ĉar mi estas sciencisto (mi ne pretendas esti scienculo), mi unue entuziasmis por esperanto, pro ĝia logikeco ; sed, verkinte en esperanto, mi iom ŝanĝis ; kaj nun, mi metas, en nia afero, la harmonion en la unuan lokon, eĉ antaŭ la logiko. Nu, mi konvinkiĝis ke la trouzo di sufiksoj malbeligas la lingvon ; ĉar la ripeto di samaj sonoj lacigas la orelon, tiom pli ke la akcento sur la sufikso pligrandigas la impreson. Ekzemple, mi memoras frazon, el Pola Esperantisto, pri facileco belsoneco fleksebleco kaj riĉeco di esperanto. Ĉu tio estas agrabla ? En Revuo (p. 325) oni legas : « Cetere ĝi enhavis malpli gravajn homojn ol la honora gvardio, nur nekonatuloj humiluloj sennomuloj malkleruloj... » (Kial ne akuzativo ?) Nu, tri el tiuj « ul » utilas nur por malbeligi la frazon. (Cetere la sama aŭtoro skribas « negrulo, nobelulino » anstataŭ « negro, nobelino ».) – Do mi proponos preskaŭ kiel aksiomon : « Ŝovi en vorton sufikson neutilan estas, plej ofte, peko kontraŭ la esperanta harmonio. »

Sro Couturat prave signalis multajn ekzemplojn di tia trouzo, precipe pri « ul ». Plie li rimarkigis ke pro manko di kelkaj sufiksoj, oni ofte uzas malĝuste la nunajn, kio estas vera atenco kontraŭ la fundamentoj di la lingvo. Li proponas novajn sufiksojn. Bone ! Ni povos, per ili, korekti la vortojn malbone formitajn. Sed mi riproĉas ke li ankaŭ trouzas ilin. El la supre aludita aksiomo sekvas, ke simpla formo devas esti, kiel eble, rezervita al la pli ofte uzota senco. Pro tio, mi opinias tro absoluta la regulon di Sro Couturat pri la substantivigo di l' adjektivoj. Sendube, tie kuŝos arbitreco ; sed mi esperas ke la Lingva Komitato decidos iam preni sian rolon, kaj revuos pri tiu punkto la adjektivajn radikojn.

1e Tial ke ni havas la sufikson « il », Sro Couturat logike konkludas ke ni devas diri « brosilo, martelilo, pioĉilo ». Mia opinio estas tute kontraŭa. Efektive, ni baldaŭ bezonos plurajn centojn, eble milon, da novaj vortoj por indiki la ĉiuspecajn ilojn en ĉiuj fakoj. Ĉu ili ĉiuj finiĝos per ilo ? Neeble. La lego di faka libro fariĝus neelportebla. Do ni haltu sur tiu danĝera vojo, kaj, en la estonto, ni lasu flanke la sufikson « il ». Ĉiufoje kiam vorto montras ilon, la rekte devenanta verbo signifas « agi per tiu ilo ». Tia estas la ĝenerala kutimo en ĉiuj lingvoj. Kial esperanto kondutus aliel ? Por esprimi la agon mem (kion ni malofte bezonos fari), ni daŭros uzante la respondan sufikson, kiu estas « ad ».

2e Efektive « ad » estas uzata por esprimi agon kiam oni bezonas distingi ĝin de ĝia rezulto Ekzemple : « La dancado di valso estas pli agrabla ol tiu di aliuj dancoj. » « La traduko estas bona, kvankam la tradukado estis malfacila. » « Ĉar la rikolto estas riĉa, la rikoltado longe daŭros. » « Per pacienca kolektado, li akiris belan kolekton. » « Lia hieraŭa parolo estis tre bela, sed la tro multa parolado lacigas lin » (Ekzercaro). Oni revuu la 684 verbojn di l' universala vortaro, kaj oni konvinkiĝos ke oni povas fari multajn similajn frazojn. Ho ve ! oni vidos ankaŭ ke, plej ofte, oni uzos la sufikson « ad » lasante flanke la substantivon rekte devenantan, kvankam ĝi tre bone taŭgus. (Aŭdi, aŭskulti, bruli, buĉi, drinki, froti, gridi, kc. kc.). Oni konscios ankoraŭ ke pri la dudeko da verboj, kiuj esprimas agon per ilo, la simpla substantivo restas bedaŭrinde neuzata, dum ĝi povus montri la ilon. (Mi ne parolas tie ĉi pri « balai, fajfi, fosi, pafi, tondi, tranĉi, viŝi » kiuj ne postulas ilon tute specialan). — Do la vera rolo di « ad » estas tiu supre indikita. Tio estas kontraŭ la Fundamento, diras Sro Couturat. Eble ; sed tio estas nedisputeble fakto, kiun la esperantaj profesoroj devas plene konscii, kaj klare ensegni. Ni povas fari tion sen bedaŭro, ĉar ni ne bezonas sufikson por esprimi daŭron en ago. Cetere, la personoj, kiuj eble ĉagrenos pro la ideo ke ili malobeas la Fundamenton, povos sin konsoli per la penso, ke, krom pafo, ĉiuj agoj (eĉ ĵetado) daŭras kelkiom da tempo. — Estas vera ke iuj slavaj aŭtoroj superŝutas siajn verkojn per « ad » en maniero kiu restis por mi nekomprenebla, ĝis kiam mi eksciis ke tiu kutimo venas de ilia konjugo. (Ĉu estas sama motivo por ilia trouzo di « ek » ?) En ĉiuj okazoj, ĝi estas malagrabla por francoj.

3e Verbo rekte devenanta de substantivo povas, plej ofte, sen ia malutilo, havi la signifon, kiun Sro Couturat difinas per la sufiksoj « if, iv ». Se ni uzus tiujn sufiksojn, ĉiufoje kiam la logiko postulas ilin, ni malbeligus la lingvon. Do ni rezervu ilin por la okazoj en kiuj, sen ili, la senco ne estus klara. Ekzemple « nestifi = fabriki neston » dum « nesti = esti en nesto » « datizu vian leteron » kaj « la kastelo datas de la XIIe jarcento » « gluizi, florizi, lumizi, fumizi » havas aliun sencon ol « glui, flori, lumi, fumi ». Mi konsentos ke en multaj okazoj « iz » devas anstataŭi « um » aŭ « ig ».

4e Same « oz » estas tre utila « argiloza tero » « marĉoza lando » k. t. p. La kunmetitaj vortoj « argilohava, marĉoriĉa » estas malbelaj. Sed mi preferas « kuraĝa, kolera, energia » ol « kuraĝoza, koleroza, energioza...» kiuj estas eble pli logikaj, sed ne pli klaraj.

5e « iv » utilos precipe en scienca lingvo ; sed, jam de nun, ni uzu « nutriva, instruiva, mortiva... k. c. » kiujn oni devas apartigi de la adjektivoj « nutra, instrua, morta...». Homo estas mortema nur en okazo di granda malespero.

6e « ur » ŝajnas malmulte utila. Tamen oni povas nomi « seguro, fajluro » la polvon produktitan par sego aŭ fajlo, « oruro » la maldikan oran tavolon, kiun oni surmetas orante, « skriburo » estas necesa.

7e Sro Couturat ne aprobas la uzon di « ind, em, ebl » kiel memstaraj vortoj; sed li ne donas motivojn. Mi opinias tiun uzon tre klara, kaj tio ŝparas al ni sufiksojn. « Kredindo = indo esti kredata ». Do ni ne bezonas « kredindecon » « babilemo = emo al

babilo. » Do ni ne bezonas « babilemeco », kaj « babilulo » estas iu karakterizata per kutima babilo. Do ni ne bezonas « babilemulo ». (Tiu, kiu okaze babilas estas « babilanto ». Eĉ, kvankam efektive « eblo » kaj « ebleco » ne egalvaloras, kiel memstaraj vortoj, mi opinias ke, kiel sufikso, « eblo » ne bezonas « eco ». « Flekseblo » ne povas signifi alion ol « fleksebleco ».

8$^{e}$ Jam de longe, oni rimarkis ke la sufikso « uj » estas tro vasta. Ne decas havi la saman sufikson por vazoj, arboj kaj landoj. Alial, ĝi tre malbele sonas, almenaŭ por francoj. Pro tio, ni ofte anstataŭas ĝin per « arbo, lando ». Sed la ricevitaj vortoj estas pezaj. Plie, oni ne povas diri « fragarbo, bulbarbo ». La sufiksoj « jer » kaj « i » estas do akceptendaj. Cetere, oni permesis al niaj aŭstraj amikoj diri « Aŭstrio, Moravio ». Kial ni devus nomi nian patrion per tiu abomena « Francujo » ?

9$^{e}$ « esm » estas forĵetenda. Unua, dua.... estas tre klaraj. Oni diris al mi ke ekzemple » la tria kongreso » signifas logike « kongreso di la trio » ! Bone. Sed se oni estos iam esprimonte similan penson, (kio estas tute neverŝajna) oni diru « di la trio ».

10$^{e}$ Ĉiufoje kiam verbo rilatas al iu stato fizika aŭ morala, la radiko kun « iĝi » signifas nepre « iĝi en tiun staton » kaj tute ne « esti en ĝi ». Oni jam rimarkis ke ekzemple la frazoj : « La tero turniĝas » « La muroj di l' kastelo baniĝas en la lago. » « Li de longe ĉagreniĝas » entenas nekorektan uzon di « iĝ ». Do, la simpla verbo devas signifi « esti en la stato » Ĝi estos netransira. Sed ĝi povas ankaŭ fariĝi okaze transira, unue ĉar tio okazas sen malutilo en multaj naciaj lingvoj, due ĉar, en esperanto, dank'al akuzativo, oni rajtas aliformigi netransiran verbon en transiran iun, ĉiufoje kiam la senco estas klara. Tamen la verbo kun « ig » havos ankoraŭ uzon. Ekz.: « la rado turnas » « mi turnas la radon » « per puŝo mi turnigis la radon. »

11$^{e}$ La reguloj kiujn S$^{ro}$ Couturat indikas pri « ig, iĝ, aĵ » aldonitaj al verba radiko estas klaraj praktikaj kaj jam praktikitaj.

12$^{e}$ Ni devas danki S$^{on}$ Couturat ke li atentigis nin pri nova sufikso kiu enŝteliĝas (?) en esperanton, mirinde akceptita por tiuj, kiuj rifuzas ĉiun novan sufikson. Mi legis en la plej ortodoksaj ĵurnaloj « deklaracio, dekoracio, apelacio, delegacio, federacio, konversacio, administracio, navigacio, civilizacio, operacio, rezignacio, reputacio, konjugacio, arbitracio ». Ili devenas de francaj aŭ anglaj substantivoj, kiuj estas formitaj de la radikoj « deklar, dekor... k. c. » kun sufikso « ation », kiu montras la agon respondan al verbo ; kaj en la lasta numero di l' Scienca Revuo oni malkaŝe proponis oficialigi « aci » por tia rolo, tial ke ĝi estas akceptita ! Tiam ni havas du sufiksojn « aci » kaj « ad » por la sama rolo ! Plie la esperantistoj komencas formi la verbojn « deklaracii, dekoracii... » anstataŭ « deklari, dekori... k. c. ». Jen, flanke di multaj aliaj, kiujn B. S. signalis, iu el la belaj rezultoj (ne rezultatoj) di l' nepripensa evoluo (ne evolucio), kiun predikas kelkiuj.

Resume, estas en esperanto multaj detaloj, kiuj povas esti plibonigitaj, en maniero preskaŭ nerimarkebla, per metoda laboro di l' progresemaj esperantistoj. Ili devus unuiĝi, kaj havi ĵurnalon speciale dediĉatan al la studo di la lingvo kaj al ĝia defendo kontraŭ la nevolaj atakoj di la nereformistoj. Tiu ĵurnalo esplorus la kritikeblajn vortojn, en la estanto kaj en la estonto. Ĝi proponus novajn vortojn, kaj petus ĉiun diplomitan esperantiston voĉdoni pri ili. Tiu voĉdonado havus neniun sankcion. Sed ĝi liverus utilan informon al la Lingva Komitato.

Pri la ŝanĝoj proponitaj par la Delegitaro (nova alfabeto, nevarieblo di l' adjektivoj, forlaso di l' obliga tabelo, multenombro markita per i) eĉ se ni aprobus kelkiujn, ni ne devas ilin akcepti antaŭ kiam nia majstro proponos ilin li mem. La dankon kiun ni ŝuldas al li postulas tion.

H. Sentis.

AVIZO. — Ni memorigas al niaj korespondantoj ke la ĵurnalo « Progreso » estas speciale difinita por ricevi ĉiujn artikolojn pri la reformoj proponitaj. Tiu ĵurnalo uzas ambaŭ la primitivan Esperanton E.P. kaj la simpligitan Esperanton E.S.; tiel la legantoj povas observi la utilon kaj neceson de la ŝangoj.

Ni estas pretaj akcepti mallongajn artikolojn pri la Deveno en Esperanto, kiun detale traktis B.S. sed en ĵurnalo « Progreso » la verkistoj povos praktike uzi la reformojn de ili proponitajn.

## ESPERANTA DANCO.

(FUNDAMENTA.)

Ni ricevis la sekvantan sciigon kaj ni certigas nian legantaron ke nenion ni aldonas. Tio estas ankoraŭ vera modelo de la « natura evolucio » kaj montras al kia lingvaĉo Esperanto rekte direktiĝas pro restado de ĝia ĉefaro.

Tiu ĉefaro havas nun gravan respondecon ĉar ĝi ne klopodas por haltigi la frenezan naturan evolucion, kiu naskas teruran kaoson !

—

« Tiu ĉi estas dancita al naciaj arioj.

Rusujo komencas, kiel la devenlando de Esperanto kaj « L'Espero » de S$^{o}$ de Ménil finigas la dancon.

Ok gedancantoj staras kvazaŭ por danci kvadrilon.

1. Pas marché, allemande, saluto.
   Le moulinet, ĉiuj valsas, ripetu.
2. Sinjorinoj salutas centre, rosette, pas marché de sinjorinoj, tour de main.
3. Sinjorinoj valsas dekstren, ĉiuj valsas, ripetu.
4. Chaîne des dames, en avant et en arrière, tiroir, ripetu, chaîne anglaise, petit tour. Salutu.

Por la profito de tiuj kiuj ne scias la teknikajn terminojn, sube estas esperanta priskribo.

1. Paŝo marŝe, saluto.
   Sinjorinoj transdonas maldekstran manon.
   Ĉiuj valsas. Ripetu. Saluto.
2. Sinjorinoj al centro, saluto. Ili donas dekstran manon al kunulo, maldekstran al la sinjoro staranta maldekstre. Ĉiuj « balancas », sinjorinoj marŝas laŭronde, manon al kunulo.
3. Sinjorinoj valsas dekstren, ĉiuj valsas, ripetu.
4. Ĉeno de sinjorinoj. Kuniĝo de manoj en rondo, ili marŝas al anguloj, ŝanĝas lokojn; ripetu ĝis ĉiu reatingas sian propran lokon. Fino, granda rondo kaj galopo.



## DOKUMENTOJ.

**HALLE** (Saale) la 4$^{an}$ de Majo 1908. Post raporto de sia prezidanto pri la verko « Evolucio libera aŭ Akademio » de S$^{ro}$ A. Michaux, la Esperantista Grupo en Halle (Saale), decidas plenan aprobon de la opinioj esprimitaj en dirita verko, t. e. la grupo deziras :

1. La plej baldaŭan kreon de Internacia Akademio Esperantista havante la plej vastan kompetentecon diskuti kaj solvi ĉiujn lingvajn demandojn (t. e. kreo de novaj vortoj laŭ la principo de la plej granda internacieco, anstataŭigo de vortoj nekontentigantaj tiun principon, kreo de novaj sufiksoj, solvo de la demando pri supersignitaj literoj, entute la forigo de la difektoj de Esperanto ĉiam denove montritaj de amikoj kaj malamikoj kaj de la majstro mem en la jaro 1894).
2. Ke la « Internacia Akademio » estu elektata per delegitaro regule balotita de la Esperantistaro. Nur tia akademio estus aŭtoritato nedisputebla.
3. Ke la « Internacia Akademio » intertraktu serioze kun la Delegacio kaj alkonduku interkonsenton kun ĝi.

Esperantista Grupo Halle (Saale)
*La prezidanto* : Feder.

---

Ni rimarku ke ĉiuj grupoj kaj societoj kiuj dissendis deklaracion aŭ rezolucion « pri fideleco » estas en stranga situacio, kiam, ia « Centra organismo » (Akademio aŭ Komitato) estos elektita kaj kiam ĝi decidos ekzamenon de la reformema demando.

**Brno, Moravio**. — La 24$^{an}$ de majo fondiĝis en Brno « Progreso, libera uniono esperantista informanta pri la nuna stando di la L. I » La tasko de ĉi tiu unuiĝo estas : popularigi la ideon de la L. I., propagi Esperanton kaj labori por la interkonsento de la esperantistaro kun la Delegacio. La uniono ricevas aliĝojn de ĉiuj anoj de la L. I., kiuj aprobas la programon de la uniono. Kotizaĵoj ne estas postulataj, la uniono postulas de siaj membroj sole moralan helpon.

Elektita komitato estas : S$^{roj}$ Josef Rihák, prezidanto, Josef Had, viceprezidanto, Jan Kajŝ, sekretario, Frant. Dooráĉek, vicesekretario, Eng. Okurek, kasisto. La aliĝojn akceptas la sekretario J. Kajŝ, Brno, St. Josefstr. 124. La membroj korespondas ĉu en Esperanto neŝanĝita ĉu en Esperanto reformita kaj donas ĉiam necesajn informojn.

INTERNACIA KLUBO
« PROGRESO »
*8. Longhurst Road,*
Lewisham, London S. E.

**(E. S.)**

23. 6. 08.

*Tre estimata Sioro Redaktisto,*

Me lektis, en vua kayero de la 21$^{esma}$ de Junio, informo pri nia klubo. Danko kordyala pro vua jentileso qua montras vua larjeso di mento. La multa letri ed aprobi quin ni ricevas de la tuta Britanio pruvas ad ni plu bone kam omno la forteso di la reformema pulso en nia lando, forteso tante plu granda kam nia samideani kolereskas kontre la trompanti kande li savas la verajo pri la reformo.

La jurnalo « Expreso » ne estas editata de ni sed de nia amiki di la *South Shields Esperanto* (simpligita) *Societo.*

Kun mea max simpatioza saluti.

Geo. Listens.
Hon. Sekretaryo.

---

Ni deziras korespondar en Linguo Internaciona.

---

Internacia Klubo « Progreso » ekzistas anke 7, rue des Côtes, Chartres (Eure et Loir) Francio.

---

Ilustrita Revuo TRA LA MONDO.

JUNIO.

Ĝenerala plano kaj enhavo.

**Ĉiulanda vivado :** La lernejoj en la FILIPINA INSULARO, speciale por « Tra la Mondo » de *Hon. Shuster*, ministro de Edukado en MANILA, tradukita de D$^{ro}$ W. *Yemans* (Manila).
**Tra la mondo :** Kelkaj miroj en Nov-Yorko, de *William C. Buff* (Usono).
**Felietono :** La mezurado de l' metro, de *E. Bacquet* (Francujo).
**Diversaj sciencoj :** Arkeologio. Praha de D$^{ro}$ *Luboŝ Jerabék* kaj *Jaroslav Silko* (Bohemujo). Pri P$^{ro}$ *Cornil*.
**Artista kaj literatura vivado :** Ludovic Halévy, kaj François Coppée de P$^{ro}$ Buquet (Francujo).
**Pri Esperanto :** La Skota lingvo kaj Esperanto, de *James Malloch* (Skotlando). — Internaciaj enketoj, de Inĝ, *Rollet de l'Isle* kaj *Montrosier* (Francujo), *R. Frenkel* (Siberujo). Kroniko, de *Steleto*.
**Ĉiulanda literaturo :** Finiĝo de kursaro, de *Jos. Pion* (Francujo). Mektub, de *A. Baissac* (Alĝerio).
**Diversajoj :** Konkursoj, ludoj, de *Brunel Ch.*

## KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Bruxelles**. — Quelques lignes à propos des dernières causeries faites au Pioniro.

Le 1$^{er}$ avril, *M. Chalon* parla — naturellement — du *poisson d'Avril*. Aux développements multiples que présente ce thème agréable, il ajouta, outre quelques amusantes facéties, une quantité de documents et de renseignements reçus de nombreux correspondants étrangers au sujet des coutumes de leurs pays à l'occasion du premier jour d'avril. Le conférencier ne manqua pas d'insister sur le con-

**Bruselo**. — Kelkaj linioj pri la lastaj paroladetoj faritaj ĉe la *Piorino*.

S$^{ro}$ *Chalon* parolis la 1$^{an}$ de Aprilo pri, komprenеble, *Aprila fiŝo*. Al la multnombraj disvolvaĵoj, kiujn prezentas tiu agrabla temo, S$^{ro}$ Chalon aldonis, krom kelkaj amuzaj fantaziaĵoj, amason da dokumentoj kaj sciigoj ricevitaj de multaj fremdaj korespondantoj pri la kutimoj de ilia lando koncerne la unuan tagon de Aprilo. La parolinto ne mankis insisti tiuokaze sur la granda helpo, kiun alportis al

cours précieux que lui apporta ainsi l'esperanto lui-même et sa conclusion au sujet de l'efficacité de cet admirable moyen de communication rencontra l'approbation générale.

Le 15 avril, *Mlle H. De Luyck* conduisit son auditoire le long de la charmante rivière belge *La Semois*. En un langage aussi riche que correct, elle décrivit la beauté sauvage de cette contrée pittoresque, où la rivière coule à travers la bousculade des roches nues et des forêts profondes et raconta avec force détails les coutumes variées de la population qui habite les localités tranquilles disséminées dans la vallée et sur les hauteurs. Inutile d'ajouter que l'aimable conférencière recueillit un grand succès.

Le 29 du même mois, nous eûmes le plaisir d'entendre le compte rendu spirituel fait par *Mlle Guilliaume* au sujet de sa *visite à des espérantistes allemands à Hambourg*. Notre brillante komitatanino montra les progrès énormes réalisés depuis 25 ans au sujet des conditions mêmes du voyage de Bruxelles à Hamburg; elle décrivit l'aspect de la grande ville commerciale et de son port bruyant, puis nous conduisit au local du groupe de Hambourg où elle avait trouvé un accueil aimable et cordial. Ce récit fait avec une grande précision de détails et émaillé d'allusions piquantes au sujet de la physionomie générale des assemblées espérantistes, éveilla l'intérêt de tous les auditeurs. Chacun d'eux certes, s'il a jamais le plaisir de faire visite au groupe de Hambourg, pourra dire: « tiens, il me semble que j'ai déjà vu cela! »

Le 6 mai, *M. Verbanck* traita des *colonies scolaires* et décrivit une colonie belge spéciale près de la plage, Lombartzijde, où il avait passé quelques semaines avec un groupe d'élèves. Que de scènes touchantes et charmantes! Le rassemblement des enfants, la promenade à travers les rues de la ville, la séparation des parents et de leurs fils, le voyage en chemin de fer, la marche le long de la plage, l'arrivée à la colonie, les bains de mer, les jeux, les excursions, etc. tout cela fut décrit avec autant de talent que de cœur et M. Verbanck accompagna sa conférence non de projections lumineuses, mais de cartes postales illustrées de vues de la colonie et dont il fit circuler une ample collection.

Le 13 mai, *Mlle Moreau* présenta au Pioniro, le magnifique et sévère pays du *Grand-Duché de Luxembourg*. A la description des villes de cette remarquable contrée et de leurs curiosités, à la description des beautés impressionnantes de la nature, Mlle Moreau ajouta le récit de ses impressions personnelles et les souvenirs amusants qu'elle a importés de ses nombreux voyages dans le Grand-Duché égayèrent l'auditoire tout entier.

Enfin le 27 mai, *M. Maisonpierre* développe un thème musical: *Wagner et l'anneau des Niebelungen*. Avec l'enthousiasme ardent qui caractérise les partisans du fameux compositeur, M. Maisonpierre analysa les quatre chefs-d'œuvre dont se compose ce monument: la tétralogie; il exposa la philosophie de toute l'œuvre, mit en lumière le rôle de la musique dans le théâtre de Wagner et la révolution que le maître fit subir à l'art théâtral. Une brillante partie de concert termina cette conférence artistique.

APRIDO.

li l' esperanto mem, kaj lia konkludo pri la taŭgeco de tiu mirinda interkomunikilo estis de ĉiuj aprobita.

La 15an de Aprilo *Fino H. De Luyck* kondukis sian aŭdantaron laŭlonge de la bordoj de la ĉarma belga rivero *La Semois*. Per korekta esprimriĉa lingvo ŝi priskribis la sovaĝan belecon de tiu pentrinda regiono, kie la rivero fluas tra amaso da nudaj ŝtonegoj kaj profundaj arbaroj, kaj rakontis detale pri la diversaj kutimoj de la popolo, kiu loĝas en la kvietaj vilaĝoj dissemitaj en la valo kaj sur la suprajo. Ni ne bezonas aldoni ke la ĉarma parolintino rikoltis grandan sukceson.

La 29an de l' sama monato ni plezure aŭdis la spritplenan raporton faritan de *Fino A. Guilliaume* pri ŝia *vizito al germanaj samideanoj en Hamburgo*. Nia lerta komitatanino uzis tiun okazon por montri la grandan progreson efektivigitan de 25 jaroj pri la kondiĉoj de la vojaĝo mem de Bruselo al Hamburgo; ŝi priskribis l' aspekton de la granda komerca urbo kaj de ĝia bruema haveno kaj kondukis nin en la sidejon de la hamburga grupo, kie ŝi estis ricevinta plej koran kaj afablan akceptadon. Tiu rakonto farita kun plej precizaj detaloj kaj emajlita de pikaj aludoj al la ĝenerala fizionomio de la esperantistaj kunvenoj interesis multe la ĉeestantojn. Estas certe ke ĉiu el ili, se li havos iam la plezuron viziti la hamburgan grupejon povos diri: « Nu, ŝajnas al mi ke mi jam tion vidis! »

La 6an de Majo *Sro Verbanck* parolis pri *lernejaj kolonioj* kaj priskribis specialan belgan kolonion ĉe la marbordo, Lombartzijde, kie li pasigis kelkajn semajnojn kun grupo da lernantoj; kiaj ĉarmaj, kortuŝantaj scenoj! Kunigado de l' infanoj, promenado tra la urbaj stratoj, disiĝo de gepatroj kaj filioj, veturado en la vagonfako, marŝo laŭlonge de la maro, alveno al la kolonio, marbano, ludoj, ekskursoj, k. t. p. ĉio tio estis montrita kun tiom da talento kiom da koro, kaj Sro Verbanck akompanigis sian paroladeton ne per lumbildoj sed per rundirigado de ampleksa kolekto da ilustritaj poŝtkartoj koncerne la aludita kolonio.

La 13an de Majo, *Fino Moreau* konatigis la Pioniron kun la bela severa regiono de *Grandaduklando Luksemburgo*. Al la priskribo de la urboj de tiu rimarkinda regiono kaj de iliaj vidindaĵoj, kaj al la priskribo de l' naturo, Fino Moreau aldonis la rakonton de siaj personaj impresoj kaj la amuzaj memorajoj kunportitaj el ŝiaj oftaj ekskursoj al la Luksemburga lando gajigis la tutan ĉeestantaron.

Fine, la 27an de Majo, *Sro Maisonpierre* pritraktis muzikan temon: *Wagner kaj la ringo de la Niebelungen*. Kun la vigla entuziasmo, kiu karakterizas ĉiun partianon de l' fama komponisto, Sro Maisonpierre analizis la 4 ĉefverkojn el kiuj konsistas tiu monumento: la tetralogio, montris la filozofion de la tuta verko, klarigis la rolon de la muziko en la Wagnera teatro kaj la revolucion altruditan de la Majstro al la teatro arto. Brila koncerteto sekvis tiun talentefaritan paroladeton.

APRIDO.

# ATENTU!

La lerta homo, kiu pretendis fari tiom da aferoj kiom li volis sen ia anonco, jus perforte devis akcepti nepre helpon de anoncoj; la afiŝo estas titolita:

AŬTORITATA VENDO PRO JUSTECO.

L'homme habile qui prétendait faire autant d'affaires qu'il voulait sans aucune publicité, vient d'être forcé de recourir aux annonces quand même; l'affiche est intitulée :

VENTE PAR AUTORITÉ DE JUSTICE.

*(American Druggist).*